HAMBURG Esperanto

Hans Schütt
Altenheim Adalbert
Warnemünder Weg 19
2000 Hamburg 73
Tel. 040 - 6 79 39 82



4/1992
Aŭgusto/Septembro
Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

EXPO '92 ®
SEVILLA



Kristoforo Kolumbo kaj moderna ponto kiel bildo sur enirbileto de la Universala Ekspozicio.

# Universala Ekspozicio en Sevilla

**Sevilla (ehh). La Universala Ekspozicio en Sevilla (Hispanio) okazas de la 20a de Aprilo ĝis la 12a de Oktobro 1992. Partoprenas en ĝi 111 landoj el la tuta mondo. Ĝi estas la lasta Universala Ekspozicio en tiu ĉi jarmilo kaj verŝajne la lasta laŭ la ĝisnuna stilo.**

500 jarojn post kiam Kolumbo el Hispanio veturis al Ameriko, okazas la ekspozicio en Sevilla sur tiu tereno, kie vivis Kolumbo dum kelka tempo. Jam kiam oni alvenas, impresas la grandeco de la areo - 3 mio. m² - iom pli granda ol la antikva urbocentro de Sevilla, kiu troviĝas sur la alia bordo de la rivero *Guadalquivir*, tute proksima. **Daŭrigo sur paĝo 3**

## Enhavo



## Oni imagu...

**ke post kvar semajnoj ni jam estas vendintaj pli ol 14.000 (en vortoj: dekkvar mil) de niaj kvarkoloraj varbfolioj (vidu paĝon 5).**

***Estas vere miraklo, ĉu ne?***

**Ni nun devas plani jam la duan eldonon...**

## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a. Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26 ✆ (040) 2 50 30 65 Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika Aranĝo**: *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Produktado de originaloj**: *TIGGYSOFT Brookdeich 13, 2050 Hamburg 80 ✆ (040) 7 21 20 05*

## Kursoj en 1992 por komencantoj

**Ĉiu-semajna kurso**
merkrede de 18:00 - 20:00
de 09.09. ĝis 15.11. 92 / 24 lernohoroj
Prezo: GM 150,- /reduktita: GM 75,-

**Tuta semajno** - 5-taga seminario
de lundo 05.10. ĝis vendredo 09.10.92
ĉiam de 10:00 - 18:00 / 35 lernohoroj
Prezo: GM 200,- / reduktita: GM 150,-

**Ĉiuj prezoj inkluzivas lernolibron kaj dum plurtaga kurso komunan tagmanĝon kaj kafotrinkadon.**

**Redaktofino de n-ro 5/1992:**
**12-09-92**

## Sentenco

Bona prelego
elĉerpu la temon -
ne la aŭskultantojn!

*Winston Churchill*

## Esperanto.

**Immer?**

**Nicht immer,**

**aber immer öfter!**

*Ja, ja. Wir waren auch mal besser!*

# Universala Ekspozicio en Sevilla

***Daŭrigo de titolpaĝo***

Nova aŭtoŝoseo kondukas al la grandega parkejo de kie veturas diversaj aŭtobusaj linioj al la enirejoj. Ankaŭ el la urbocentro veturas aŭtobusoj al la ekspozicio; fervoja stacio troviĝas en unu el la enirejoj. Interne cirkulas aŭtobusoj, unu-rela fervojo, ŝipetoj kaj telfero, per kiuj oni komforte povas atingi diversajn lokojn. La ĝenerala aranĝo de la moderna stilo kun granda ovala tegmento, kiu ŝvebas supre. En ĝi estas prezentataj la Germanaj federaciaj landoj, famaj personoj kaj inventaĵoj el Germanio. Kulturaj spektakloj altiras la atenton de la vizitantoj. Tamen mi ĉagrenis, ke posttagmeze je la kvina mi ne povis trinki kafon kaj manĝi kukon, ĉar la restoracio estis fermita. Sed proksime, en la Aŭstra pavilono, estis eble. Tie oni eĉ ofertis



areo estas bone adaptita al la klimato de Sevilla, kiu estas unu el la plej varmaj urboj en Hispanio: Super la placoj estas instalitaj tegmento aŭ grandaj veloj, kiuj donas ombron; la larĝaj promenejoj estas ekipitaj per bone surkreskataj pergoloj. En multaj lokoj fluas akvo aŭ estas fajne ŝprucata por freŝigi la aeron. En kelkaj lokoj staras altaj ŝtofe ŝirmitaj cilindraj armaturoj, kvazaŭ kamentuboj, kiu produktas iom da vento. Multaj kioskoj kaj gastejoj ebligas refreŝiĝon. La pavilonoj estas en tre diversaj stiloj, laŭ la deziroj de la unuopaj landoj. Krome 23 internaciaj organizoj, 6 entreprenoj kaj 17 Hispanaj aŭtonomaj regionoj sin prezentas per pavilonoj.
La Germana pavilono estas konstruita en tre varman pomokukon kun vanila saŭco. La Aŭstra pavilono, same kiel tiuj de Nederlando kaj Belgio, estis tre hela kaj trablovata de aero, kiun ili freŝigis per akva fluado de sur la tegmentoj. Kontraste al tio, la arabaj pavilonoj estis tute fermitaj al la ekstero por malebligi trovarmigon, kiel estas necese en iliaj hejmlandoj. Multaj industriaj landoj prezentas sin per tekniko kaj avantgarda arkitekturo, dum aliaj preferas tradiciajn kutimojn kaj ekzotikan etoson. Ankaŭ la ŝtatoj el orienta Eŭropo ĉi-foje aperas per propraj pavilonoj, malgraŭ iliaj grandegaj problemoj kaj financaj malfacilaĵoj. La Baltaj respublikoj havas komunan pavilonon, kvankam ili komune nur havas 7,37 milionojn da enloĝantoj.

Benno Klehr

# Invito al Lübeck

*Germana Esperanto Asocio* invitas al

## landa kunveno en Schleswig-Holstein.

En tiu ĉi lando ĝis nun ne ekzistas landa suborganizo de GEA. La kunveno, al kiu estas invititaj GEA-membroj el Schleswig-Holstein, Mecklenburg-Vorpommern kaj Hamburg, klopodu organizi la landan kunlaboron.

**La kunveno okazos sabaton, la 19an de Septembro 1992, je la 11:00 h en Lübeck, Am Bahnhof 13 - 15, vid-al-vide de la stacidomo de Lübeck, en la kunven-salono (estos ŝildo en la enirejo).**

La fervojistoj-esperantistoj tie organizas por ni la landan kunvenon.
**De 11:00 - 13:00 h ni aŭdos pri aliaj landaj ligoj de GEA kaj traktos niajn eblojn en Schleswig-Holstein.**
Poste komuna tagmanĝo kaj promenado tra la urbo.

*Elsbeth Bormann*

---

# Paroliga Rondo



Ĉu vi deziras, ke viaj familianoj/geamikoj, kiuj jam de longe volis lerni Esperanton, estos ekgvidataj al la Internacia Lingvo sen troa postulado?

**Tiucele nun ekzistas la ebleco** en nia *PAROLIGA RONDO*, nome aŭ ĉiu-marde ek de 18:30 aŭ laŭ interkonsento! Bonvolu telefoni al 0 40 /58 71 82 (respondilo) aŭ sendi poŝtkarton al
**Irmgard Karst,**
**Mölenwisch 20a, 2000 Hamburg 61**.
Mi tiam respondos!

Möchten Sie, daß Ihre Angehörigen/Freunde, die eigentlich schon immer 'mal Esperanto lernen wollten, einfühlsam in die Anfangsgründe der Internationalen Sprache eingeführt werden?

**Dazu besteht jetzt Gelegenheit** in unserer *PAROLIGA RONDO*, und zwar entweder jeden Dienstag, ab 18:30 oder nach Vereinbarung! Bitte Anruf unter 0 40 / 58 71 82 (Anrufbeantworter) oder Postkarte an
**Irmgard Karst,**
**Mölenwisch 20a, 2000 Hamburg 61**.
Ich melde mich dann!

# Varbado




**Hamburg (ehh). La unuan fojon Hamburga Esperanto-Societo sukcesis eldoni kvar-koloran varbilon por Esperanto.**

Ĉi apude vi povas vidi bildon de la faldita folio. Estas la unua fojo, ke ni povas prezenti tian varbfolion por Esperanto. Ĝis nun ŝajnis al ni, ke profesie farita varbado estus nepagebla por ni. Pro tio plej multaj informaj kaj varbaj materialoj en Esperantujo aspektas embarasige primitive.

**Sed varbado devas esti profesinivela por atingi sukceson!**

**Fakte tia estas nia nova varbfolio!**

Tamen ĝi havas nekredeble malaltan prezon: Ĝi ne kostas pli ol simpla duflanka fotokopiita folio! (Tiu kvalito estas konata al ĉiuj.)

Por ebligi tian malaltan prezon oni devas mendi grandan kvanton. Pro tio estis necese, krei folion kun (neŭtrala) teksto, kiu estas uzebla en tuta Germanio dum longa tempo.

**Ni intence ne rezervis liberan spacon por enstampi lokan adreson, ĉar ni elektis lakitan paperon por atingi vere bonan kvaliton. Sur tiom glata surfaco stampo bedaŭrinde ŝmiras.** Por aktualaj informoj ni proponas jenan solvon: oni enmetu paperslipon kun aktualaj informoj pri kursoj aŭ aliaj eventoj. Tiu slipo povas esti simpla fotokopio.

## Ankaŭ vi povas disponi pri tiom alloga varbfolio!

## Prezoj

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Ekde** | **100** | **ekzempleroj** | **po DM 0,30** |
| **Ekde** | **500** | **ekzempleroj** | **po DM 0,28** |
| **Ekde** | **1.000** | **ekzempleroj** | **po DM 0,25** |
| | **unuopaj** | **ekzempleroj** | **po DM 0,50** |

**Aldoniĝas la kostoj por poŝta afranko.**

# Nia Terura Enigmo 

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 11 | | | | | 12 | | | | 13 |
| 14 | | | 15 | | | | | 16 | |
| 17 | | | | | 18 | | 19 | | 20 |
| 21 | | | | | | | | 22 | |
| 23 | | | | 24 | | 25 | | 26 | |
| 27 | | 28 | | | | | | | |
| 29 | | | | 30 | | | | | |

**Horizontale:**

**1** Reganto en preĝo; **5** Simio en Ĝibraltaro; **11** Dronanto eĉ herbon ekkaptas tiel; **12** Nefiniĝanta knabino **13** Cirile: H; **14** Ŝmiraĵ' sur ŝuo; **15** La unua, ne havanta gepatrojn; **16** Persono serĉinda en tulipo; **17** En tiu land' en 1964 kvin ringoj; **18** Reĝa prun'; **21** Enspezi 5, elspezi 10; **22** denove sufikse; **23** Bird' ŝatata kun oranĝoj; **24** Grup' de objektoj por manipuli; **26** Mallonga lum' por fari vinon; **27** Mezurebla alteco de klerigo; **29** Tenilo por diskoj aŭ teleroj; **30** Libelo aŭ familian'.

**Vertikale:**

**1** Penso sen emoci'; **2** Tia, ke oni ne faru; **3** Kolego faras beston tia; **4** Haremanino; **5** Laŭdire ĝi devas esti amara; **6** Granda, sed ne maldolĉa flor'; **7** Falant' ĉiela poste hela; **8** Blindiga psika fenomeno; **9** De iu tre ĉagrena; **10** Tiu faru ĉion; **19** Antaŭ tre longe en Skandinavi'; **20** Pia ĝis la radiko; **21** Tie Germane, certa kvanto, se eblas mezuri; **25** Patro de onklo de kuzo; **27** Platdiĉe al ŝi, eta pecet'; **28** Varsovio 87, Vieno 92, k. c..

*Benno Klehr*

# Nia Programo 4/92

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19.30 h.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## Aŭgusto

| | |
|---|---|
| 6 | **Kongres-raportoj** |
| 8 | *Studrondo* |
| 13 | *Rüdiger Sachs:* **El la vivo de netaŭgulo** |
| 20 | *Werner Bormann:* **Friedrich-Ebert-Stiftung** |
| 22 | *Studrondo festas kun Hannelore Brunow!* |
| 27 | **Preparado por vendredo** |
| 28 | Komenciĝas **ekspozicio** ***Du und Deine Welt*** |
| 31 | ***GIS-Kunveno*** |

## Septembro

| | |
|---|---|
| 3 | **Literatura vespero** |
| 5 | *Studrondo ne okazas pro la ekspozicio!* |
| 10 | **Diskuto pri klubaj aferoj** (i. a. ekspozicio) |
| 17 | *Elsbeth Bormann:* **Diapozitivoj pri Pollando** |
| 19 | *Studrondo vojaĝas al Lübeck!* |
| 24 | *Bodo Schneider:* **La ideoj de Zamenhof** |
| 28 | ***GIS-Kunveno*** |

**Bonvolu noti:**
**Vespermanĝo en la klubejo ĵaŭde nur estas disdonita inter 19:00 kaj 19:45 h por ne ĝeni la vesperan prelegon!**




# Vivo en amikeco kun la tero

## Internacia ekologia komunumo EKOLONIO

Ekolonio estas ekologia komunumo en estiĝo kiu entenas homojn de ĉiu aĝo kaj de diversaj naciecoj. La asocio Ekolonio estis fondita en 1989 en Nederlando kaj fine de 1990 havis ĉirkaŭ 50 membrojn kaj subtenantajn membrojn.
La membroj de Ekolonio volas vivi amike kun la tero, meze en la vivanta reto de la kosmo, kaj strebas al zorgema traktado unu kun la alia, kun la tero kaj kun ĉio vivanta. Pro maltrankviliĝo pri la pureco de akvo, aero kaj tero ili strebas al simpla vivo, sen malŝparado de krudmaterialoj, energio kaj sen nenecesa konsumado. La celo estas memprovizado en la kampoj de agrikulturo, energio kaj akvo. La nutrado en Ekolonio estas vegetara.
La komunumo vivu kune sub la rego de reciproka respekto kaj spirita toleremo. Konfliktoj ne estu milito-ludoj, sed ŝancoj, sperti ion pri si mem kaj pri homeco.

En seminarioj interesitoj povas informiĝi pri la ideoj de Ekolonio. Ne ekzistas kredo je definitivaj mondklarigoj kaj absolutaj veroj. Okazas kursoj pri ekologio, naturtravivaĵoj, alternativa teknologio, ŝanĝitaj traktado de la tero kaj interrilatoj de la homoj.
La Ekolonio situas en belega regiono en francio je la okcidenta flanko de la Vogezoj. Al Ekolonio apartenas sep hektaroj da grundo, arbaro, lageto kaj kvin domoj. La tero estas kultivata, kelkaj dombestoj akiritaj kaj ekzistas unuaj projektoj por alternativa energi-provizado.
***Elena Blasius* vojaĝos al Ekolonio de la 22a ĝis 29a de Aŭgusto.**
**Kiu deziras kunveturi?**
**Rapide informiĝu!**
**Tel.: (0 40) 7 35 75 42**
**Pli detala informilo haveblas.**

# Obskura ŝtelado

**Santa Barbara (abc).** Dum pluraj semajnoj en Santa Barbara (Usono) malaperis multaj ŝuoj, kiuj nokte restis ekster la domoj. Speciale sportaj ŝuoj estis ŝtelitaj de stranga nekonato. Kelkaj gejunuloj klopodis kapti la ŝteliston, gardante la domojn - sed vane.

Nur per mikrosendilo, kiu estis fiksita ĉe unu ŝuo, finfine estis eble, trovi la lokon, kien la ŝtelisto portis ĝin. Estis la kavaĵo de vulpo, kie oni trovis pli ol 200 sportajn ŝuojn. Ĝis nun neniu scias, pro kiu kaŭzo la vulpoj speciale elektis sportajn ŝuojn.

# Malkuraĝaj lingvistoj

**La Internacia Lingvo suferas je la malkuraĝo de siaj bonvolaj defendantoj, lingvistoj kaj laikaj Esperantistoj, kiuj sentas la bezonon, pruvi ke Esperanto estas same esprimriĉa kiel aliaj lingvoj, aŭ pravigi iajn elementojn de la gramatiko, kiuj ne tuj estas evidentaj.**

Esperanto estas memstara lingvo kaj ne derivaĵo de aliaj. Ĝi ne havas - kaj ne bezonas - komplikaĵojn kiel ekz. *Plusquamperfectum* de la latina lingvo.

Tamen eblas esprimi ion similan per la sistemo de la tri "naturaj" tempoj (**~is, ~as, ~os**). Estas perforto de la lingvo, enigi ĝian gramatikon en la formon de la "modela" Latino. (Tiun Latinemon montras la esprimoj uzataj: Perfekto, futuro, participo, prezenco ktp.)

En la historio de Esperanto iam ekzistis du pasintaj tempo-formoj **~is** kaj **~es**: **~es** estis imperfekto, kiun Zamenhof poste forigis; **~is** estas perfekto, do estas malĝuste, diri ke "**estas ~inta**" estas la perfekto en Esperanto, nek iu alia formo.

Ni devas akcepti, ke en la Internacia Lingvo ekzistas aliaj reguloj ol en aliaj lingvoj, kaj ni estu tiom kuraĝaj akcepti, ke en Esperanto certaj internacie agnoskitaj reguloj ne validas. En aliaj lingvoj la **participoj estas verbo-formoj - en Esperanto ne**! La finaĵo **~a** klare difinas adjektivon, kaj la reguleco de la lingvo ne permesas alian interpreton ol tiun unu.

Do, la participo - kiel adjektivo - ne povas indiki tempon, sed nur staton. Tio signifas, ke la uzo de tiu aŭ alia participo ne ŝanĝas la tempon, sed nur la staton de ia objekto en tiu sama tempo.

El tiu fakto, ke participoj kun **~a-finaĵo** estas adjektivoj, sed ne verboj, rezultiĝas, ke la tuta (jam fama) disputo pri **~ata / ~ita** estas solvebla tute simple: ĉar adjektivo en Esperanto ne egalas al adverbo (kiel en aliaj linvoj), estas tute klare, ke ĝi nur povas priskribi ian substantivon kaj ne verbon. La subtenantoj de ***tempismo*** en la **~ata / ~ita-disputo** uzas la partizipojn kiel indikon de tempo. Ano de *tempismo* dirus: "hodiaŭ la kontrakto estas subskrib**ata**" por indiki, ke ĝi ne jam estis subskribita hieraŭ kaj pro tio ankaŭ hodiaŭ restas subskribita. Sed tiel oni faras el tiu adjektiva formo gramatikan escepton, kvankam tiaj esceptoj ne ekzistu en Esperanto! Laŭ la reguloj povas indiki tempon - krom verboj - nur adverboj (ekzemple hodiaŭ, morgaŭ, poste, frue).

**Kion faras adjektivoj?** Adjektivo priskribas personon aŭ objekton - eĉ se ĝi akompanas verbon: "Tion mi taksas taŭga". La vorto ***taŭga*** priskribas la vorton ***tion***. Same la **adjektivaj participoj** priskribas **personon** aŭ **objekton**: "Mi estas batita". La vorto **estas** indikas, ke tio okazas en nun-tempo; la finaĵo **~ita** indikas, ke almenaŭ unu bato jam okazis - nome ke iu estas batinta.

Kiu povus konstati baton antaŭ ol ĝi trafis? Ĝuste tion, la kompletecon de la bato indikas la formo **~ita**. Same ankaŭ estas ĝuste, diri "la maŝino estas uz**ata**" por esprimi, ke **ne finiĝis** la uzado. La maŝino havas certan staton: ĝi estas en uzo. **Post la uzado** oni diras: "la maŝino estas uz**ita** (por produkti ion)". Tiu stato de objekto aŭ de agado nomiĝas aspekto. La uzadon de adjektivaj participoj laŭ tiu modelo oni nomas ***aspektismo***.

Fakte, en parolata lingvo, la diferencoj inter *tempismo* kaj *aspektismo* kutime ne kaŭzas grandajn konfuzojn.

**Tamen mi kredas, ke estas pli bone, uzi adjektivojn laŭ la gramatikaj reguloj - kaj ne serĉi ian tempan signifon, kiu ne ekzistas.**

Benno Klehr




Ion mi tre ŝatas ĉe ŝi - ŝi ĉiam estos 5 jarojn pli aĝa ol mi!

## Invito

Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj mi atingos la **50an vivojaron**.
Estas kaŭzo por ĝojo.
Tiu, kiu volas ĝoji kun mi,
venu al nia klubejo je Sabato:

## Einladung

Trotz aller Schwierigkeiten habe ich das **50. Lebensjahr** erreicht.
Ein Grund zur Freude.
Wer sich mit mir freuen will,
komme in den Esperanto-Klub am Samstag:



# 22.08.1992
# 18:00 h



Hannelore Brunow

# La manoj de mia filo

Vi ekdormis. Same kiel granda bebo vi kuŝas sur la por vi tro mallonga sofo. Viaj gamboj estas tro longaj. Ili elpendas super la apogilo. Sed tio ne ĝenas vin. Paca kaj malstreĉa vi dormetas.



Mi rigardas vin. Mia malgranda filo estas nun adolta viro. Sed tamen la koloro de viaj okuloj estas ankoraŭ ĉiam cindroblonda kiel via hararo.



Via spiro estas preskaŭ ne aŭdebla.

Mi rigardas sur viajn manojn. Ili kuŝas kunplektitaj sur via torako. Ili estas grandiĝintaj kaj fortaj - tiuj iam liliputaj manoj.

Antaŭ mi aperas la bildo kiam viaj ege malgrandaj manetoj unuafoje firmtenis miajn fingrojn. Same aspektantaj kiel senŝeligitaj nordmaraj pandaloj. Ne, vi ne havis la kutimajn manetojn de la normala bebo. Viaj etaj fingroj alkroĉiĝis firme - kvazaŭ vi volis diri: "He vi, ĉi-tie estas MI, kunportu min!"

Dum la venonta tempo la "etaj pandaloj" formiĝis al vera formikaro. Ĉiuloke ili estis videblaj kaj postlasis siajn spurojn.

Ni fiksis por vi en via ĉambropordo balancilon. Kiel paŝao vi tronis en ĝi. Maldekstre tenante peklitan kukumeton kaj dekstre brogokolbaseton vi traktis ĉiun, kiu preterpasis.



Lavopulvoron kun oleo miksante kaj kaŝante la horloĝon vi fariĝis malgranda monstro. neniu fermilo estis sekura. Vi povis uzi senescepte kaj - por mi hodiaŭ ankoraŭ ne kompreneble - ankaŭ ĝuste manipulis.



Sed la dormo venis, la etaj fingroj ankaŭ trankviliĝis, kvankam neniam tute puraj. Estis eble nun por mi karesi tiujn manetojn sentime, esti ŝmirota per ne definitaj materialoj. Sed ankaŭ en la dormo la infanmanoj prenis kaj firmtenis mian manon.

Vi ridetas iomete dormante.

Unu momenton la universo haltas. Mi sentas ĝuste kiel en tiama tempo tiujn ne videblajn ondojn, kiuj ĉiam nin kunigis.

Denove mi rigardas sur viajn manojn. Ili estas cikatritaj. Kelkajn cikatrojn mi ankoraŭ ne konas, aliaj estas al mi tre konataj. Tiu granda cikatro estis kaŭzita de falinta dormĉambra lampo, kiu kompreneble falis senhelpe. Ne, ĝi ne estis tuŝita per pilko, kiu tute hazarde traflugis la ĉambron.



Al mi trafluas profunda sentimento. Mi metas mian manon sur viajn manojn. Iutage estos mi la senfortulino el ni du. Tiam mi konfidoplena metos miajn manojn ankaŭ en viajn manojn - en la manoj de mia filo.

Hannelore Brunow

DU UND DEINE WELT

# Familia ekspozicio 28. Aŭg. - 6. Sept. 92 Hamburg

Je la fino de Aŭgusto komenciĝos denove la granda hom-amasiĝo ĉe la foiraj haloj, ĉe la plej frekventata ekspozicio *Du und Deine Welt*. En ĉi-tiu jaro ekde la 28a de Aŭgusto ĝis la 6a de Septembro (de la 10a ĝis la 18a h, ĵaŭde ĝis la 20a), sume estas atendataj 250.000 vizitantoj. Inter la ekspoziciantoj estos ĉi-jare ankaŭ ni!

La Germana Esperanto-Asocio, Landa Ligo Hamburgo, prezentos sin per granda informstando de 16 kvadrataj metroj en tiu foiro. Subtenata de GEA, la projekto estas prizorgata de la Hamburgaj Esperanto-Societoj (HES, SIL kaj Fervojistoj). Tio estos bona okazaĵo por denove meti Esperanton en la konscion de la Hamburgaj civitanoj. Kiel helpantojn ni bezonas ankoraŭ kelkajn Esperantistojn, kiuj povas oferi iom da tempo por funkcii kiel standdeĵorantoj - eble ankaŭ nur po horoj. Vi havos bonan okazon por miksi vin inter la homojn kaj varbi por la bona afero de Esperanto.

Precipe ni serĉas viglajn kunbatalantojn, kiuj parolas la lingvon de la junuloj kaj povas entuziasmigi junajn homojn por niaj ideoj.

Bovolu prezenti vin al
Bodo Schneider,
Mölenwisch 20 a, 2000 Hamburg 61,
Tel.: (040) 58 71 82 (telefonrespondilo)

# Familienmesse 28. Aug. - 6. Sept. 92

Ende August beginnt wieder der große Ansturm auf die Messehallen, auf Hamburgs meistbesuchte Ausstellung *Du und Deine Welt*. Dieses Jahr werden vom 28.08. bis zum 06.09. (jeweils von 10:00 bis 18:00, Do bis 20:00) insgesamt 250.000 Besucher erwartet. Unter den Ausstellern sind diesmal auch wir!

Der Deutsche Esperanto-Bund e. V., Landesverband Hamburg, ist mit einem großen Informationsstand von 16 qm auf dieser Messe präsent. Mit Unterstützung des D. E. B. wird das Projekt von den Hamburger Esperanto-Vereinen (HES, GIS und Eisenbahner) getragen. Dieses ist eine gute Gelegenheit, Esperanto wieder einmal in das Bewußtsein der hamburger Bürger zu rücken.

Zur Unterstützung brauchen wir noch einige Esperantisten, die etwas Zeit erübrigen können, um - eventuell auch nur stundenweise - Standdienst zu machen. Sie haben eine schöne Gelegenheit, sich unters Volk zu mischen und für die gute Sache Esperanto zu werben. Besonders dringend suchen wir flotte Mitstreiter, die die Sprache der Jugend drauf haben und junge Leute für unsere Ideen begeistern können.

Bitte melden bei
Bodo Schneider,
Mölenwisch 20 a, 2000 Hamburg 61,
Tel.: (040) 58 71 82 (Anrufbeantworter)